27 FEBRUARO 1907. Unu Numero : 10 CENTIMOJ TRIA JARO. — No 2

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**

Unu Jaro . . . . . . . . . . . 3 fr. 2 1/2 m. 2 1/2 s.
Helpabono. . . . . . . . . . . 10 fr. 8 m. 8 s.

Oni abonas ĉe la Administracio
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève
aŭ ĉe la lokaj agentoj.

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)

Bulgara Eldono : N. B. Kovaĉef, Sofio

**REKLAMO**

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 pago . . . | Fr. 240.— | 1/4 kolono . . . | Fr. 16.— |
| 1 kolono . . . | » 60 — | 1/8 » . . . | » 9.— |
| 1/2 » . . . | » 30.— | 1/16 » . . . | » 5.— |

25 % por 12 anoncoj ; 50 % por 24 anoncoj.

Ĝenerala Agento : G. Warnier, 46, Rue Sainte-Anne, Paris, 2e.

## ESPERANTO KAJ KOMERCO

Malgraŭ la nepridisputeblaj progresoj de nia lingvo, multaj komercistoj staras ankoraŭ tre skeptikaj rilate al la jama praktika utileco de Esperanto. Por forigi tian nekonfidon, nenio estas pli bona ol faktoj. Jen pri tiu temo interesa letero el angla propagandisto :

« Kiel instruisto de Esperanto, antaŭvidante por nia lingvo vastan utilon en la kampoj komerca kaj scienca, mi deziras tiri vian atenton al la suba letero antaŭnelonge eldonata en grava Liverpool'a jurnalo ; ĝi rakontas sperton de la ĉefa inkfabrikista firmo de Anglujo rilate je dissendo de reklamiloj en Esperanto. Kiam la komercistaro trovos, ke bone konata firmo jam prosperis pri esperanta reklamo, certe ne mankos imitantoj. Ankaŭ se la samideanoj insistos ĉiam mendi ĉe esperantistaj firmoj kiam ajn eble, ni baldaŭ vidos plenan aron, kiu liveros ĉiun specon de komercajoj. Nur kiam la komerca disvastiĝo kaj profito de Esperanto estos montrataj nedubeblaj, oni konsentos tion ĝenerale. El tio do oni komprenos la necesecon konstati ĉiun antaŭenpaŝon en la komerca kampo.

Mi lasas al la letero paroli per si men ; ĉar ĝi venas el unu el la plej glore konataj anglaj firmoj kiu faras gravegan komercon tra la tuta mondo : ĝi devas posedi apartan gravecon. Oni malfacile povus konstati pli klaran pruvon pri la kapableco de Esperanto por kutimaj proponoj de l'komerco, kaj pri la efektiva profito kiun alportus al la aferistoj unu sola helplingvo internacia.

J. L. Browne.

Jen nun la letero aludita de nia korespondanto :

« Mia sperto » (skribas la dirita firmo) ĝis la nuna momento estas fakte treege kontentiga. Kvazaŭ novajon mi tradukigis kelkajn el miaj cirkuleroj kaj mian pomalgrandan prezaron en tiun ĉi lingvon. Tion efektive faris unu el mia komizaro post nur trimonata studado, kaj la aferoj estis poste tralegataj de la ĉi tiea Esperantista Asocio. Mi poste forsendis al Esperantistoj ĉie tra la mondo paketojn ĝis la nombro de proksimume 35 miloj. kaj por rezultato jam ricevis komunikajojn ĉiuspecajn el preskaŭ ĉiu lando en la mondo, kaj la respondoj estas ĉiuj plene kompreneblaj. »

De tiu tempo mi mem korespondadis per tiu lingvo pri ĉiu afero rilate je mia komerco, kaj opinias ke mi praktike pruvis la efikecon de Esperanto kiel interkomprenilon inter diversnacianoj.

Laŭ mia opinio la universala uzado de tiu ĉi lingvo ebligus al komerkaj firmoj ŝparon ĝis multaj milionoj da funtoj sterlingaj, kaj evitus de la flanko de nia junularo multjaran studadon.

Mi parolas laŭ iom da praktika sperto, ĉar por fari la korespondadon de la firmo mi estas devigita oferi la tutan el mia libertempo dum dekkvin jaroj por la elstudo de fremdaj lingvoj, kaj en la nuna momento, post nur dudekono de la studtempo aldonata al aliaj lingvoj, mi preferas, pro ĝia supera simpleco kaj klereco uzi Esperanton ol lingvojn kiujn mi jam uzis de dudeko da jaroj.

Ĉar mi forsendas cirkulerojn verkitajn en dekkvin ĝis dudek lingvoj pro la neceso uzi apartan lingvon por ĉiu aparta lando ĉe kiu mi havas aferojn, vi povos facile kompreni ke la enkondukiĝo de universala lingvo uzebla ĉe ĉiuj landoj tra la mondo multe plifaciligus mian komercon, kaj malpliigus grandege la elspezojn. »

Mi ricevis aliajn leterojn de Londonaj kaj ankaŭ Glasgo'aj firmoj kiuj faras uzon el Esperanto por korespondado kun fremdlando.

Geo. F. Karck.
4, Oldhall St. Liverpool.

## TRA LA MONDO

### Granda Britujo.

Londono, 4 Februaro 1907.

Kredeble la plimulto el via legantaro sciiĝis per nacilingvaj jurnaloj pri la tragedia mortigo de S-ro. Whiteley, la glora « ĉioliveranto » kaj milionulo londona. Oni memoras, ke lia atakinto enigis kuglon revolveran en sian propran kapon, detruante al si okulon. Tuj post la krimo oni aŭdis lin dirantan : « Mi estas tre kontenta ; mi mortigis mian patron. » Jen io mistera ; ĉar laŭ la serĉistoj li nenian havis laŭleĝe la nomon Whiteley. Tamen li nun resaniĝas, kaj baldaŭ, ŝajne, povos doni klarigon antaŭ juĝisto. Sen ia dubo, estinta S-ro. Whiteley estis viro tute eksterordinara. Forta, bela junulo, kun okuloj magnetemaj, il komencis vivon komercan en sia deksepa jaro. Kelkatempe li laboras kiel subulo ĉe diversaj firmoj en la ŝtofa-galanteria fako. Li ne volis resti longan tempon en ia ajn loko. Efektive, malgraŭ la proverbo pri laŝtono ruliĝanta kiu ne kolektas muskon, li ĉiam konservis inter siaj principoj tiun ĉi : ke oni kezonas ŝanĝadon, kun samtempa studado pri la malsimilaj sistemoj de aliaj laborantoj. Sed tiu procedo videble prosperis al li ; ĉar post kelkaj jaroj, havante kapitalon da 17,500 frankoj, li starigis por si mem malgrandan butikon, kun du fraŭlinoj kaj unu knabo kiel helpantoj. Iom post iom li ekokupis sin pri multaj malsamaj negocoj kaj metioj — dungante la necesajn spertulojn — ĝis li fabrikigis kaj liveris plej diversaspecajn komercajojn. Okazis ĉe li tri aŭ kvar grandaj, neniam klarigeblaj bruladoj ; sed ĉiam daŭris la progresado. Fine li fariĝas direktoro de vastega emporio, kiu liveras mirindan profiton, eĉ da 2,500,000 frankoj en la daŭro de unu jaro. Liaj laborantoj estas en la nombro da miloj, tiel viroj kiel virinoj. Kaj la pruvon ke li estis prava — almenaŭ el la ortodoksa komerca vidpunkto — oni vidis per tio, ke multe da imitantoj aperis en Londono, kaj fondis similajn al la lia entreprenojn. Li donis al si mem la titolon « ĉioliveranto », kaj fieriĝis pri ĝi. Li kutimis fanfaroni, dirante ke li povos live i komercajojn de kia speco ajn elveno : ĉu kudrilo, ĉu ankro, ĉu elefanto. La gajemuloj vetas pri la eblo aŭ neeblo plenumi tiajn promesojn. Tagon oni postulas de li ĉerkon uzitan ; ĉar li ne povis tian elterigi, li sendas al la mendinto ĉerkon kiun viro farigis por si mem, kaj poste — reedziĝinte — malkonservis laŭ la deziro de sia novo kunvivantino. Jen ankaŭ ŝerĉanto kiu nepre bezonas pajnton (0.5679 da litro) da vivaj puloj. Tiujn ĉi la elturniĝema komercisto zorge kolektigis ĉe la bestoj en la Ĝardeno Zoologia kaj en la bestejo de S-ro Jamrack, kaj liveris ilin triumfe.

Ĉe sia morto, S-ro Whiteley posedis kredeble du milionojn da funtoj sterlingaj, t. e. 50,000,000 frankoj. Konforme al sia testamento, la malriĉuloj ricevos profite 25,000,000 frankojn, sumo difinita por konstruigi maljunulejojn, k. s.

***

Denove granda batalado — du apartaj atakoj — hieraŭ, apud la parlamentejo : ĉirkaŭ sep cent voĉdonulinoj kontraŭ anaro da policanoj. Vane la virinoj provis eniri en la sanktan homan leĝdonejon, por interparoli kun la ĉefministro pri la voĉdonrajto, kiun ili postulas. Ĉar ili ne volis foriri, rezultas 58 arestoj. Hodiaŭ la energiaj batalintinoj aperis antaŭ juĝisto, kulpigitaj pri « konduto tumultiga, popolamasigo, kontraŭbatalo al policanoj dejorantaj. » Kondamnite je monaj punoj irantaj de 12 frankoj 50 centimoj ĝis 50 frankoj, aŭ alie de semajno ĝis monato da malliberec0, 56 ne volis pagi, sekve estas nun enfermitaj. Diris unu bravulino : « La virinon oni malaltigas preskaŭ al la nivelo de la bruto. Ŝi taksiĝas multe malpli inda ol la plej malbona sentaŭgulo enskribita en la nomaro de voĉdonantoj. Kiel longe la viro konservas al la virino ŝian nunan gradon en la ŝtato, tiel longe li restos tirano kaj ŝi restos sklavino. » Kvankam multaj potenculoj malhelpas ĝin, la movado progresas kaj plifortiĝas, parte dank' al tio, ke nuntempe kelkaj nobelinoj troviĝas implikitaj en ĝi. Estas proverbo laŭ kiu ĉiu Brito tute respektinda multe ŝatas ian nobelon ; sed ĝis nun li ne volis ke la virinoj, ĉu malnobelaj — kvankam la duono de la loĝantaro, kaj regata de la leĝoj — ĝuu kun li la rajton elekti leĝdonantojn. Sed baldaŭ, espereble, la deva ŝanĝo efektiviĝos, Dume, al la kuraĝaj malliberulinoj miajn salutojn kaj bondezirojn !

***

Laŭ la parolado de la ĉefministro ĉe la malfermo de la parlamento, ŝajnas ke fine oni kuraĝas ekĉesigi la potencon de la nobeloj leĝigantaj. Tiuj ĉi, ne delegitaj, restajo de la feŭdaleco, obstine kontraŭstaras al la plenumo de popolaj deziroj. La deputataro povus uzi drastan kuracilon, ne pagante la elspezojn oficialajn de la diritaj nobeloj. Bedaŭrinde, multe da deputatoj respektegas, iom infane, la naskiĝe altrangulojn. Plie, tiuj ankoraŭ esperas iam nobeliĝi siavice !

***

Kaj — mirindaĵo. — oni parolas, jes, en la « reĝa parolado » pri memregado ĉe la Irlandanoj. Dum longa tempo la brita registaro subpremis kaj malhelpis la malfeliĉajn loĝantojn de la « fratina » insulo, spite ke la insulo Monao, kiu troviĝas apud la angla marbordo, kontraŭ Irlando, posedas jam dum cent kvardek jaroj sian propran parlamenton. Manao havas suprajon da ĉirkaŭ 580 kilometrojn kvadratajn kaj 55,000 loĝantojn ; Irlando ĉirkaŭ 83,163 k. k. kaj 4,460,000 loĝantojn.

***

Tamen, kiel ajn servema la brita parlamento montros sin pri la virinoj kaj la Irlandanoj ; kiom ajn da severeco ĝi uzos kontraŭ la heredaj leĝigantoj. mi dubas, ĉu ĝi permesos ke oni elfosu la longe pridiskutatan tunelon sub la Angla-Franca Markolo. Oni ne povas liberigi sin subite, t. e. post multaj jaroj, de la konservemeco, la insulaneco, la antaŭjuĝoj, kiujn testamentis al ni la centjaroj. Nun, en la nomo de la « patriotismo » la kontraŭstarantoj avertas la fosemulojn ke ilia dezirata fervojo submara ebligos almiliton ĉe la Britoj, Pri tio militistoj kaj militarismuloj ŝajnas interkonsenti. En la cirkonstancaro oni demandas por kio la depagantoj devas elspezi 750,000,000 frankojn ĉiujare por konservi militontaron, se tubo, facile dronigebla, inter du civilizitaj kaj kristanaj terpartoj prezentus tiel gravan danĝeron !

Johano L. Knubley.

### Italujo

Italujo jus perdis sian gloran poeton Giosuè Carducci. Carducci kiu ĝin intelekte rekreis, kiu ĝin rekondukis al la noblaj veroj de scienco kaj beleco, kiu glorigis la junan nacion, kaj ĝin esprimis, kaj ĝin superis, kaj ĝin enkorpigos en la historio, Carducci mortis, en sia modesta dometo en Bologna, meze de la libroj, kiujn li tiel amadis. Li mortis, kiel Victor Hugo, glora kaj fama antaŭ la entombigo. Kun li malaperas geniulo, mirinde sana, fortika, simpla, normala kiel forto. Li estis granda poeto, sed ankaŭ granda polemikisto kaj klerulo. En 1860, Italujo, kiu kiel nacio ekestis, literature jam ne ekzistis. Dum multaj jaroj, la nacia liberigo estis la sola celo kaj priokupo de la itala popolo. Tiel post Manzoni, Giusti kaj Leopardi, neniu estis kaj nenio estis. Venis Carducci, sola kaj unuunura, kvazaŭ batalema giganto elminacanta el praarbaro. Li batalis kontraŭ la plorigemuloj, kontraŭ la revuloj kaj la nekleruloj, kontraŭ la falsaj entuziasmoj, la malkuraĝaj opinioj. Kaj kia batalo, kiom da kadavroj ! Sed Mamiani rigardinte al tiu juna kuraĝulo havis bonan ideon : li elektis lin en postenon ĉe la Bologna universitato. Post la detruo, sin okupis Carducci per la restarigo. Por tio, li estis mirinde preparita. Dum la juneco, li multe laboradis, kun tia energio, kiun li dediĉis al ĉio. Feliĉega li estis, kiam li, per propra mono, povis akiri maloftan verkon, gloran libron. Iom post iom, li encerbigis amason de konajoj ; al tio aldonu la brilon de la genio, la flamon de la fervoro. Oni ne povas citi ĉiujn eldonojn liveritajn de li, ĉiujn verkojn, kiujn li, kiel kritikisto, aperigis. Li ĉion ekzamenis kaj ĉio de li ekzamenita estas renovigita. Li analizis ĝis la plej malgrandaj detaloj, li faris la plej brilajn sintezojn. Li estas unu el tiuj maloftaj verkistoj, kiuj ne perdigas la tempon de siaj legantoj. Danke al tiu nedifektebla laboro, li starigis novan Italujon sur la firma vojo, kaj mem li estas la iniciatinto de la nuntempa intelekta itala universitataro.

Sed, ekster tio Carducci estis poeto, kaj antaŭ ĉio poeto. Kaj se lia poezio estas unue malfacila pro la troeco de la ideoj, ĝi estas mirinde bela, fortika kaj luma. De Victor Hugo, nenia pli granda, pli potenca voĉo laŭtiĝis. Kia estis Dante, kia Leopardi, tia estis Carducci, poeto kaj scienculo. Malgranda li estis kaj simpla kiel infano. Li ne estis parolema ; kiam la reĝino Margarito lin renkontis, ŝi eldiris kelkajn liajn versojn, kaj li de tio ricevis plezuron, sed subite li, kvazaŭ gvidata de interna diajo, ekparolis kaj el la buŝo lia elŝprucis la sonoraj paroloj. Oni lin kondukos al Santa Croce, kie ripozas la gloraj mortintoj : Dante, Machiavel, Alfieri. El la helaj vitrajoj de la preĝejo enradias dolĉa lumo. Dum la juneco, li tie ĉirkaŭvagis, ritmante odojn ; tie ankaŭ li dormados.

P. M.

## Tutmonda Kroniko

*Januaro 27. — Parizo*-Oni publikigas la tekston de la deklaracio de la franca episkoparo kontraŭ la kultaj leĝoj.

*30 Karlestown.* — Eksplodo de karbopulvoro en la minejo Stuart ; 80 ministoj enterigitaj.

*Philadelphia (U. S. A.)* — Brulado detruas parton de la lokomotivofabriko Baldwin Malgajno da 5 milionoj.

*31 Londono.* — Apud la eniro al rivero Tees pereas pro ventego la ŝipo Claverinch ; 39 dronintoj.

Februaro. 2. — Parizo. Privata vizito de la anglaj gereĝoj.

*Memphis* (*U. S. A.*) — Pro rompo de la digoj, la riverego Missisipi superakvigas parton de la urbo.

*Montenegro*-Andreo Radovik formas novan ministraron.

*Holando.* — La delegitaro por la revido de la ŝtatkonstitucio publikigas siajn konkludojn.

*5 & 6 Germanujo* Rebalotoj por la "Reichstag". Jen la plenaj rezultatoj : Konservativaj dekstrumaj partioj : 112, liberalaj partioj 101, social demokratoj 43, Centrumanoj kaj Alsacianoj 113, poloj 20, sendependaj 11.

*Londono*-Mortas lordo Gohen, klera financisto, eksministro.

7. *Parizo*-Kardinalo Mathieu eniras solene en la francan Akademion, kie li paroladas pri sia antaŭinto, kardinalo Perraud. Respondas grafo d'Haus sonville.

*Montekarlo*-Unua ludado de la opero Teresa, poezio de Claretie, muziko de Massenet.

9. *Parizo*-Oni anoncas ke la papo rifuzas la formulon de Briand pri la kontrakto inter la ubestroj kaj la paroĥestroj.

12. *Londono*-Solena malfermo de la Parlamento.

*Wolwich* (Granda-Britujo). — Eksplodo enla ĥemia laborejo de la militistejo.

*Bachmuth* (Siberio). — La karbominejoj de Petronarief brulas. Oni eltiris ĝis nun 40 kadavrojn.

*Nov-Jorko.* — La vaporŝipo Larchmont ŝippereas apud insulo Brock; ĉirkaŭ 100 mortinjoj.

A. Tellini.

# INFORMOJ

## Financo

*La laŭrenta imposto en Francujo.* — La franca ministro de la financoj jus prezentis projekton de leĝo pri laŭrenta imposto. Tiun projekton ni tre mallonge analizu. La nunaj kvar impostoj estas anstataŭataj de unu sola laŭrenta imposto. La personoj, kiuj havas jaran renton da 1250 fr. en la malgrandaj urboj kaj 2500 fr. en la grandaj nenion pagos. Ekz. : laboristo, kiu gajnas 8 fr. tage kaj laboras 300 tagojn jare ne pagas la imposton. La salajritoj, kies jara rento superas la antaŭan minimumon pagos 3 %, sed nur por la parto de la rento, kiu superas la donitan minimumon. Ekz.: pariza laboristo, kiu gajnos 10 fr. tage pagos (3000-2500) 15 fr. Oficisto, kiu gajnus 80,000 fr. pagus 165 fr. La komercaj impostoj kaj patento estos anstataŭataj de imposto da 3,50 % laŭ la profitoj (do deprenante la ŝuldojn) Ekz.: negocisto faras jaran profiton da 10,000 fr.; li pagos 350 fr.; alia komercisto faras profiton da 3,000 fr., sed se li aĉetis la komercon kredite kaj devas pagi procenton da 1,000 fr., li pagos imposton nur por 2.000 fr. t. e. 70 fr. La posedantoj de kapitalo (bienaj aŭ ne) pagos 4 %; same pri la posedantoj de la franca Rento. Krom tio, ĉiuj personoj, kies suma rento superos 5,000 fr. pagos plian imposton. Ekz.: pariza laboristo gajnas 2,400 fr. jare, lia edzino 1,800 fr. kaj lia filo 1,000 fr.; laŭ la supre dirito ili individue nenion pagos, tamen ili havas renton da 5,200 fr. Laŭ la aldona imposto, ili pagos 10 fr. Bankisto, kiu faras profiton da 20,000 fr. kaj plie posedas bienon, kies rento estas 30,000 fr., pagos 700 + 1,200 + 1,600, t. e. 3,500 fr. Laŭ la projekto, komercisto kiu havas renton da 262 fr. pagos proksimume 2 ½ %, dum financisto. kiu ricevas renton da 50,000 fr. pagos 3,500 fr. t. e. 7 %, Tio montras la pligrandiĝon de la imposto laŭ la riĉeco. La partoj de la imposto, kiuj estas difinotaj por la departamento kaj la komunumo, ne estas entenataj en la supra kalkulo kaj estos fiksataj per speciala leĝo.

## Loĝoscienco

*Svedujo.* — La registaro proponis projekton de reformo pri la balotado nacia kaj komunuma. Laŭ tiu projekto, la balotoj por la dua ĉambro estos farataj per la universala voĉdonado kaj laŭ la sistemo de la proporcia reprezentado de la partioj; tiun saman sistemon oni aplikos por la balotoj de la dua ĉambro.

*Svisujo.* — La popola iniciato kontraŭ la vendado de la absinto kolektis 116.000 subskribojn en tuta Svisujo. Pri tiu demandos sekve decidos voĉdone la svisa regnanaro. Sendepende de tio, la kantonoj Vaud kaj Genève malpermesis la vendadon de la absinto en sia teritorio.

*Norvegujo.* — La registaro jus decidis enkonduki la novan ortografion en la ŝtatoficejojn; la popola dana dialekto, kiu ĝis nun estis uzata kiel skribata lingvo, estos do anstataŭata iom-post-iom de la lingvo norvega.

*Haga konferenco.* — La dua konferenco de la paco kuvenos en la unua parto de junio; ĝin kredeble prezidos s-ro de Nélidon, ambasadoro de Rusujo en Parizo. Inter la temoj diskutotaj de la dirita konferenko, estas la starigo en Hago de lernejo por la juro internacia; la elspezojn prenus sur sin Anglujo, Frankujo, Usono, Germanujo, Rusojo, Aŭstrujo kaj Italujo; ĉiu nacio elektus egalan nombron de profesoroj kaj studentoj.

# ESPERANTO PRAKTIKA

## ESPERANTO-KONSULOJ

(UNUA NOMARO)

### FRANCUJO

**Aix-les-Bains.** — Konsulo, Esp. Of.: D-ro Coze, 6, r. du Temple.

**Amiens.** — Esp. Konsuloj : S-ro Saguez, industruiisto, 17, impasse des Saintes-Claires. = S-ro Edward Searle, Kastelo de Boutillerie.

**Angers.** — Esp. Konsulo & Pub. Esp. Of. : S-ro E. Galard, 24, rue de Brissac. Fremduloj estas akceptataj precipe lundon, ĉe la grupejo : place des Halles. Adreso : Esperanto-Ofico en Angers.

**Annecy.** — Konsulo : S-ro Boucon, licea profesoro.

**Beaune** (Côte-d'Or). — Pub. Esp. Of., 20, boulev. Bretonnière. — Esp. vendejo kaj afiŝejo : tabakvendejo, rue de Lorraine.

**Boulogne-sur-Mer.** — Pub. Esp. Of. : 7, rue Basse-des-Tintelleries.

Konsulo : S-ro M. Duchochois, 68, rue du Moulin-à-Vapeur.

**Bourg.** — Pub. Esp. Of. kaj Konsulo : S-ro Rousseau, 6, place Carriat.

Esp. Salono : Hotelo de la Paix et Terminus.

Esp. vendejo kaj afiŝejo, avenue d'Alsace-Lorraine.

**Bourges.** — Konsulo : Auxenfans, librejo.

**Brest.** — Pub. Esp. Of. ĉe la Grupo Esperantista.

**Caen.** — Konsulo : Henri Laisney, 190, rue Saint-Jean.

**Charenton.** — Konsulo : M. Cuzon, 52, rue de Paris.

**Chartres.** — Pub. Esp. Of. : 7, rue des Côtes.

**Le Creusot.** — Konsulejo, Pub. Esp. Of., vendejo, afiŝejo : place Schneider.

**Le Havre.** — Konsulo : Emile Gasse, r. du Lycée, 105.

**La Rochelle.** — Konsulo : Samuel Meyer, 29, quai Valin.

**Loudun.** — Konsulo : D-ro Gambire, 2, rue Saint-Nicolas.

**Lyon.** — Konsuloj : F. Servet, rue du Sentier, 10. — F. Drudin, rue Tronchet, 107. — E. Vincent, rue Paul-Bert, 3. — G. Pouchot, rue de la Martinière, 7.

**Nantes.** — Pub. Esp. Of.; afiŝejo : D-ro Saquet, 25, rue Poissonnerie.

**Provins.** — Konsulo : F. Colin, place du Tribunal.

**Reims.** — Konsuloj : S-ino Glatigny, 2, rue Ponsardin; S-ro Dubois, 14, rue du Libergier; S-ro Grousselle, 35, rue des Consuls — Pub. Esp. Of. : S-ro Chauvillon, libristo, 4, place Royale.

**Romorantin.** — Konsulejo kaj Pub. Esp. Of. : S-ro Bollé, 54, rue Nationale.

**Rueil.** — Pub. Esp. Of. : S-ro Hiélard, boulev. des Tilleuls.

**Serres** (Hautes-Alpes). — Konsulo kaj Pub. Esp. Of. : S-ro L. Fauchez.

**Saint-Nazaire.** — Konsulo : R. V. Aubin, 97, rue du Croisic.

**Toulouse.** — Konsulo : D-ro G. Chalot, r. des Prêtres, 3.

**Tours.** — Konsulo : M. Patin, 5, rue Michelet. — Esp. vendejo kaj afiŝejo : Duguay, libristo.

**Troyes.** — Konsulo : S-ro Doré, 4, rue Jeanne-d'Arc.

**Valence.** — Konsulo : S-ro J. Delfour, kolegiestro, rue de la Comète.

(*daŭronta.*)

***

Ni petas ĉiujn Konsulojn, ke ili bonvolu sin konigi al nia jurnalo. Oni estas petata sendi ankaŭ ĉiujn korektojn de la presitaj nomaroj. Definitivan liston ni enpresos post kelkaj semajnoj, tuj kiam ni estos ricevintaj ĉiujn korektojn kaj aldonojn.

## KONSULAJ INFORMOJ

La jenaj konsuloj, monhelpantaj abonantoj de ESPERANTO, havas la rajton enpresi siajn komunikojn en la gazeto.

**Bourg** (Ain-Francujo). — Esperanto-Oficejo : S-ino Jobelin, tabakvendistino, 31, avenue d'Al, sace-Lorraine. Tie estas : Esperantista vendejo-Esperantista konsulejo, Publika Esp-Oficejo, Afiŝejo, esperantista biblioteko. Esp-Konsulo kaj sekretario de la Esp-Of. : S-ro Rousseau, 6, place Carriat. Esp-kunvenejo kaj salono : Hotelo de la Paix kaj Terminus apud la stacidomo; esp-revuoj ĉiam legeblaj. La konsulo kaj sekretario de la Esp-Of', estas speciale preta por doni letere aŭ buŝe, informojn pri turismo, somerrestado en Jura montaro, kaj pri la mirinda tutmonde konata preĝejo de Brou (Bru) en Bourg. (sendas vidajojn de tiu preĝejo). Adreso: Esperanto-Ofico en Bourg.

**Bradford** (Anglujo) — Esperantista Konsulo de la grupo . A. Tuke Priestman, 12 Exchange Buildings-Bradford.

**Le Creusot** (Francujo). — Konsulo, Esp-Ofico, Vendejo, biblioteko, k. t. p. (pri la detaloj, oni legu la artikolon de S-ro Rousseau).

**London. S. E. Hithergreen.** Konsulo : J. W. Baxter, Longhurst road 4.

**Valence** (Francujo). Konsulo : J. Delfour, kolegiestro.

**Hegi-Winterthur** (Svisujo). — Socia Informejo. Estis malfermita en Hegi-Winterthur ejo, de kiu oni povas ricevi ĉian dezirindan informon pri la sociaj movadoj. La ĉefa okupado estas kolekti kaj doni informojn pri laborista, virina, antialkohola, antimilitarista, socialista kaj liberecana movadoj. Por povi plenumi tiun taskon, ĉiu estas invitata kunhelpi, sendi novajojn aŭ postuli demandaron senpagan de mi. Ĝis nun 19 personoj en 11 landoj konsentis konstante helpadi. La utilo de tia informejo sendube estos tre granda kaj fariĝos tiom pli granda, ke ĝi estos pli forte subtenata.

Gustav Schwengeler.

## TRA ESPERANTUJO

Ni bedaŭre sciiĝis pri la morto de D-ro Javal, kies memoro estos kara al ĉiuj esperantistoj pro la grava rolo, kiun li ludis de la Bulonja kongreso speciale per la subteno de la Centra oficejo Esperantista en Parizo. D-ro Javal dediĉis sian tutan energion al la [illegible] de Esperanto kaj alportis al ĝi la helpon de sia influo kaj konateco. Al li devas esti dankaj ĉiuj esperantistoj.

Ni ricevas bonajn novajojn de niaj anglaj amikoj pri la organizo de la 3a kongreso en Cambridge. Ni povas esperi tie sukceson ankoraŭ pli grandan ol en la antaŭaj kongresoj.

La Presa Esperantista Societo reorganiziĝis. Nia centra organo Lingvo Internacia aperas nun monate, direktata de S-ro de Lengyel. La bohemaj esperantistoj jus fondis nacian gazeton nome "Casopis ĉeskych Esperantistu". La redaktoro estas S-ro Kuhnl.

---

FELIETONO DE "ESPERANTO" 2

# La £ 1.000.000. Banka Bileto

el Mark TWAIN

(trad. P. A. H. Muschamp)

Tiam li tuj retrovis sian normalan staton kaj petis milfoje pardonon, ĉar li ne povas ŝanĝi la bileton, sed mi ne prosperis lin konvinki por ke li palpu ĝin. Li deziris ĝin rigardi kaj efektive ĝin rigardadis kvazaŭ li ne povus ĝin vidi sufiĉe por kvietigi sian okulsoifon, sed li tute malkuraĝis ĝin palpi kvakaŭ ĝi estus tro sankta por ke argilfarita homaro ĝin manprenu. Mi diris :

« Ĉagrenata, vere ĉagrenata, se mi vin ĝenus, sed mi devas insisti. Ŝanĝu ĝin, mi petas, mi en la poŝo ne havas pli malgrandan moneron. »

Sed li diris, ke tio estas negrava afero, ke tre plezure li atendos tian malgravan enspezon, ĝis alia pli oportuna momento. Mi diris, ke eble mi ne estos en la ĉirkaŭajo dum longa tempo; sed li respondis, ke tio estas bagatelo : li atendos, kaj plie li estus kontenta, se mi prenus ion ajn kaj lasus pligrandigi la kalkulon, tiel longe kiel plaĉos al mi. Li diris, ke kredeble li ne timas plene konfidi al tia riĉulo kia mi estas, simple ĉar mi estas gajema kaj ŝatas vesti min petoleme. En tiu momento, alia kliento envenis kaj la restoraciestro konsilis, ke mi kaŝu la monstron : tiam li forsalutis min ĝis la pordo, kaj mi tuj ekiris al tiu domo kaj al tiuj fratoj por korekti ilian eraron antaŭ ol la policanoj, eltrovinte min, helpos por ĉion ordigi. Mi estis sufiĉe ekscitita, eĉ sufiĉe timigita, kvankam kompreneble mi ne estis kulpa, sed la homojn mi sufiĉe konis por scii, ke, kiam ili eltrovos, ke ili donis al mi milionlivran bileton anstataŭ unulivran, ili furioze ekkoleregos kontraŭ mi anstataŭ pli juste kontraŭ sia propra miopeco. Kiam mi alproksimiĝis al la domo, mia ekscitego iom malgrandiĝis, ĉar ĉio restis trankvila tie, do mi estis sufiĉe certa, ke la erarego ne estis jam eltrovita. Mi sonorigis. La sama servisto aperis. Mi petis, ke li konduku min al tiuj sinjoroj.

« Ili foriris », li respondis malvarme kaj fierege, laŭ la maniero de siaj samgentanoj.

« Foriris, kien foriris ? »

« Vojaĝe ». — « Sed kien ? » — Kontinenton, mi opinias ». — Kontinenton ? — « Jes, sinjoro ». — « Per kiu vojo, mi petas, per kiu vojo ? » — « Mi ne povas diri, sinjoro ». — « Kiam ili revenos ? » — « Post monato, ili diris ». — « Monaton ! Ho, tio ĉi estas terura. Donu al mi, mi petas, ian ajn ideon pri kia perilo mi povos komuniki kun ili. Tio estas treege grava ». — « Mi ja ne povas. Nenian ideon kien ili iris, sinjoro. » — « Do, mi tuj devas vidi anon de la familio. » — « Familio forestas, forveturis eksterlanden antaŭ monatoj, Egiptujon kaj Hindujon, mi pensas. » — « Homo, grandega eraro estis farita. Ili revenos antaŭ la nokto; ĉu vi diros al ili, ke mi venados ĝis ĉio estos regula? Ili neniel devas esti timigitaj. » — « Mi diros, se ili revenos, sed mi ne atendas ilin. Ili diris, ke vi venos post horo por fari demandojn, sed mi devos diri, ke ĉio estas regula, ili revenos precize kaj vin atendos. »

Tiamaniere, mi devis foriri malkontenta. Kia enigmo tio ĉi estis! Mi preskaŭ perdis la saĝon. Ili revenos precize. Kio signifas? Ho, eble, la letero klarigos. Mi forgesis la leteron ; mi eligas ĝin kaj legas, jen :

« Vi estas viro inteligenta kaj honesta ; tion oni vidas sur via vizaĝo. Mi opinias, ke vi estas malriĉa kaj fremda. Tie ĉi enfermite vi trovos monon ; ĝi estas donita prunte al vi dum tridek tagoj sen procento Mi faris veton pri vi. Se mi gajnos, mi ricevos ian ajn oficon, kian mi povos donaci, ian ajn kian vi povos pruvi, ke vi plenumos kompetente. »

Sen subskribo, sen adreso, sen dato.

En kia implikajo mi estis ! Vi estas sciigita pri tio, kio antaŭe okazis, sed mi neniel. Al mi ĝi estis profunda, malluma enigmo. Mi ne havis plej malgrandan ideon, kio estas la ludo, nek ĉu oni intencas al mi aŭ malutilon aŭ bonon. Enirinte en parkon, mi eksidis por pripensi, por konsideri kion mi plej bone faros.

Post horo, mia rezonado estis kristaligita en ĉi tiun juĝon.

Eble tiuj fratoj intencas bone, eble malbone ; neniel mi povas decidi tion; do mi ne penu. Ili faradas ludon aŭ projekton aŭ eksperimenton ajn; neniel mi povas decidi tion; do mi ne penu. Estas veto pri mi ; neniel mi povas eltrovi kian ; do mi ne penu.

Jen mi havas la nedecideblajn kvantojn; la restajo estas palpebla, malfluida, kun certeco ordigita kaj subskribita. Se mi petus ĉe la Banko de Anglujo, ke oni enskribu la monon je la kredito de ĝia posedanto, oni ĝin enspezus, ĉar oni lin konas sendube ; sed oni demandos min, kiamaniere mi ekhavis la monon, kaj se mi repondas vereme, oni enkondukos min en frenezulejon nature, kaj mensogo metos min en malliberejon. Sama rezultato sekvus, se mi penus enbankigi la bileton ie ajn, aŭ prunte preni per ĝi. Devigate mi portados ĉi-tiun grandegan ŝarĝon ĝis la reveno de tiuj fratoj vole-nevole. Al mi ĝi estas tiel senutila kiel plenmano da cindroj, tamen mi devas teni kaj zorgi ĝin dum mi almozon petos. Mi ne povus ĝin fordoni se mi dezirus, tial ke nek honesta urbano, nek rabisto ĝin iel akceptus. Tiuj fratoj nenion riskos ; eĉ se mi ĝin perdus aŭ bruligus, ili tamen nenion riskus, ĉar ili povus haltigi la elpagon kaj tiel la Banko aranĝus la aferon ; sed dume mi devos elporti monatlongan suferadon, sen salajro, sen profito; se ne helpinte gajni tiun veton, mi ricevos la situacion promesitan. Tion mi tre deziras ricevi ; tiuspecaj homoj povas doni situaciojn, kiuj taŭgas por io.

Okazis, ke mi tre ofte pensis pri tiu situacio. Miaj esperoj tre altiĝis. Sendube la salajro estos granda : ĝi komencos post monato; tiam mi estos riĉa. Baldaŭ mi sentis min sur tre bona strato. En tiu ĉi tempo, ree mi vagadis tra la stratoj. Vidajo de butiko de tajloro igis min deziregi ŝuti miajn ĉifonaĵojn kaj vesti min iom pli dece.

(*daŭronta.*)

